# Fakdelegitoj de UEA

Kompreneble ekzistas la – eĉ tre verŝajna – risko, ke trafoliumante la Jarlibrojn de UEA mi pretervidas fakdelegiton pri fervojoj (FD). Ĝis nun tamen neniu kontestis la ciferojn aperigitajn en IF.

Ni rigardu la evoluon:

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| Jarlibro | 1994: | 59 FD en | 54 urboj en | 19 landoj |
| - | 1995: | 56 - - | 52 - - | 19 - , |
| - | 1996: | 57 - - | 53 - - | 20 - . |

Iom da statistiko pri 1996:
Germanio 13 FD, Hungario 8, Italio 5, Danio 4. Po 3: Aŭstrio, Ĉeĥa Respubliko, Francio, Norvegio. Po 2: Belgio, Britio kaj Ĉinio. Po 1: Finnlando, Hinda Unio, Japanio, Jugoslavio, Nederlando, Rumanio, Slovakio, Svisio kaj Usono.

Feliĉe la landaj asocioj raportis al IFEF, ke ilia celo estas havi je la fino de 1996 entute 67 fakdelegitojn de UEA pri fervojo, kaj tio estos konsiderinda antaŭenpuŝo!

eho

**Ankaŭ ĉi tiun numeron de IF** grandparte okupas raportoj ktp pri la 48a IFK. Ni eĉ ne havis lokon por la tuta *Resuma Jarraporto*, sed devis dividi ĝin en du partoj. La resto aperos en IF n-ro 6, kie ankaŭ aperos la protokolo pri la kunveno *Movadaj Aferoj*.

Red.

# Tutmonda Ĉarto



Okaze de la 48a IFEF-Kongreso, s-ro Marc CRAM el Bruselo, membro de BEFA , transdonis la Tutmondan Ĉarton de la XXIa jarcento *La Idealoj de la Homoj kaj de la Socio* en Esperanto al s-ro Jan BULTMAN, prezidanto de LKK. Tiu ĉarto iĝos oficiala dum la Universala Foiro en Hannover, Germanio, en la jaro 2000.

S-ro Cram jam posedas la tradukon en la angla, franca, ĉeĥa, germana kaj bavaria, hispana, hungara, itala, nederlanda, pola, portugala, rumana, serba, slovena lingvoj.

Unu kopio estas sendata al interesuloj. Petu ekzempleron ĉe
S-ro Marc CRAM,
105 rue Duchamp de l'Eglise,
BE-1020 Bruselo-Laeken.

**Frontpaĝo:** Partoprenantoj en la fervojista kontaktkunveno dum la 81a UK en Prago.

# Enhavo

# 49a Kongreso de Internacia Fervojista Esperanto-Federacio (IFEF)
## 10a-17a de majo 1997 KOŠICE, Slovakio




| | |
|---|---|
| Adreso: | Inĝ. Magdaléna FEIFIČOVÁ<br>A. Bernoláka 25/5, SK-01001 Žilina |
| Bankkonto: | 40934040/7500, SWIFT: CEKOSKBX<br>ZIL ČSOB, Legionárska 1,<br>SK-01001 Žilina<br>Inĝ. Magdaléna FEIFIČOVÁ,<br>A. Bernoláka 25/5, SK-01001 Žilina |
| Poŝtkonto: | 064274-0014240-005/6500, Poštová banka, P.O.Box B-113, SK-01203-Žilina<br>Inĝ. Magdaléna FEIFIČOVÁ,<br>A. Bernoláka 25/5, SK-01001 Žilina |
| Kongresejo: | Dom umenia (Domo de Arto) kaj hotelo SLOVAN |

## Iom pri la kongresurbo Košice

La orientslovakia metropolo Košice situas en la valo de la rivero Hornád kaj estas unu el la plej malnovaj en Slovakio. Arkeologoj trovis spurojn el la malnova ŝtonepoko (100.000 a.K.), kaj multaj trovitaĵoj ekzistas el la bronza epoko, ĉ. 2000 a.K.

Dum jarcentoj en ĉi regiono kunvivis slovakoj, hungaroj, germanoj kaj homoj el aliaj popoloj sub plej diversaj reĝimoj. La unuaj dokumentoj pri la urbo devenas el la komenco de la 13a jarcento, kiam oni mencias pri *Villa Cassa*. En la jaro 1290 Košice ricevis urbajn privilegiojn. En la jaro 1369 la reĝo Ludoviko la Granda donis al Košice urban blazonon kiel al la unua urbo en Eŭropo ĝenerale. En la 14a jc. Košice fariĝis centro de diversspecaj metiistoj (ekz. peltofaristoj, sonorilgisistoj, orforĝistoj). Poste la militoj kun la turkoj kaj aliaj eventoj, precipe incendioj, kontraŭhabsburgaj revolucioj, religiaj bataloj kaj kamparanaj ribeloj, lamigis la urban floradon. Por ni fervojistoj estas interese scii, ke al la merkata evoluo de la urbo multe helpis la konstruo de la ĉefa fervojlinio Košice – Peŝto – Vieno – Varadín kaj la linio Košice – Bohumín (Ĉeĥio) kun deflankiĝo al Preŝov. La unua trajno venis al Košice la 5an de julio 1860.

En la nun finiĝanta jarcento Košice evoluis al grava moderna centro en orienta Slovakio. Kun sia pli ol kvaronmiliono da enloĝantoj ĝi estas la dua plej granda slovakia urbo, industria kaj altlerneja, ekspozicia kaj foira centro. Al la plej gravaj industriaj entreprenoj apartenas Orientslovakiaj Gisejoj, Orientslovakiaj Maŝinfarejoj, Magnezita Uzino kaj teksaĵprilaborantaj uzinoj. Multflankecon de la kongresurbo kompletigas teknika, veterinara, ekonomia, kuracista kaj armea aviadila altlernejoj kaj diversaj faklernejoj kun miloj da gestudentoj.

La urbo samtempe sukcesis konservi sian historian kernon kun valoraj konstruaĵoj. Dum agrablaj promenadoj tra la urbokerno oni povas admiri ĉiujn stilepokojn de gotiko tra renesanco, baroko ĝis klasikismo. La katedralo St. Elisabeth, tiu ĉion superrega simbolo de la urbo, prezentas sin en malfrua gotika stilo. Ĝi estas la plej orienta konstruaĵo tiaspeca en tuta Eŭropo. En tuja najbareco staras la dua plej malnova urba konstruaĵo – gotika kapeleto de St. Miĥaelo el la 14a jc. kaj gotikdevena prisma sonorileja turo kun nuntempa ekspozicio de artaj muldistoj.

Alia specialaĵo de Košice jen estu menciata: ĉiujare renkontiĝas centoj da sportemuloj por partopreni en internacia maraton-vetkurado. Rande de la urbokerno monumento kun la nomoj de la ĉiujaraj venkintoj memorigas pri tio.

Multspeca kultura vivo karakterizas la urbon. La kongresanoj travivos prezentaĵon de folklora ensemblo kaj ankaŭ koncerton en Domo de Arto, sidejo de Ŝtata Filharmonio kaj Simfonika Orkestro, kaj venontjara kongresejo. Ili povos admiri ĵus finrekonstruitan novbarokstilan ŝtatan teatrejon dum vespera baleta prezentaĵo, cetere la urbo havas ses profesiajn teatrajn

ensemblojn. En la urbo ekzistas Ŝtata Scienca Biblioteko, kelkaj publikaj bibliotekoj, Orientslovakia Muzeo, Slovakia Teknika Muzeo. La urbo estas sidejo de episkopejo, Slovakia radioelsendejo kaj filio de Slovakia televido, atentemon kaptas botanika kaj zoologia ĝardenoj.

La urbo Košice estas bonege trajnatingebla per rektaj trajnoj el Bratislava aŭ eĉ el najbara Ĉeĥio, el Prago. Ĉar ankoraŭ inter Slovakio kaj Ĉeĥio validas rabato el internacia tarifo, vi povas ŝpare aĉeti la bileton por reveturado por Slovakio kaj Ĉeĥio surloke.

La urbo havas ankaŭ flughavenon. Bv. kontroli ĉe viaj flugkompanioj eblecon flugveturi al Košice kun ŝanĝo en Bratislava.

En la urbo servas al vojaĝantoj riĉa reto da tramoj, aŭtobusoj kaj taksioj. Ĉiuj kongresaj hoteloj kaj ankaŭ kongresa halo en Domo de Arto estas rekte atingeblaj ĉu per tramo, ĉu per aŭtobusoj. La veturbileto kostas nuntempe 0,25 DEM kaj eblos aĉeti ankaŭ tutsemajnan veturbileton. Interesaĵo de taksioj estas, ke por mallongaj urbaj veturadoj oni prenu la lastan taksion en la vico – la unuaj klopodas kapti pasaĝerojn por pli longaj interurbaj veturadoj.

La tri kategorioj de kongreshoteloj kun entute 700 litoj certe donos loĝeblecon al ĉiuj kongresanoj.

Hotelo SLOVAN estas la plej rekomendinda, ĉiu ĉambro havas banejon kun bankuvo kaj necesejon, televidaparaton kaj telefonon kun rekta kunligo kun eksterlando. En ĝi okazos kelkaj kongresaj kunvenoj kaj prezentaĵoj.

Por tiuj, kiuj volas iom ŝpari, servos hotelo HUTNÍK, en kiu la ĉambroj enhavas lavkuvon kaj duŝon, sed la necesejoj estas nur sur la koridoroj, komunaj por ĉiuj hotelgastoj.

Por kongresanoj el ekssocialismaj landoj kaj gejunuloj servos hotelo STROJÁR, en kiu ĉiam unu dulita kaj unu trilita ĉambroj havas komunan necesejon kaj banejon kun duŝo.

Ĉie invitas pli malpli grandaj restoracioj por iom interrompi la promenadon kaj gustumi specialaĵojn de la regiono kun bongustegaj vinoj el la sunriĉaj vitejoj. Sed ankaŭ por bieramantoj estas zorgata helpe de kelkaj enlandaj bierfarejoj. La gastronomio entute multspece ofertas ion por ĉiu ajn monujo. En la kongreshotelo Slovan (unua kategorio) oni povas kalkuli por menuo inkluzive de supo, deserto kaj glaso da biero aŭ vino por du personoj 15-18 DEM. Krome la tiea trankvila atmosfero kun pianomuziko tre agrabligas la restadon.

## Antaŭkongreso en Ĉeĥio

06.-09.1997

Du tuttagaj ekskursoj per aŭtobuso krom vespera aŭtobusveturado al vinkelo.

Kotizo por la 4taga aranĝo inkluzive tranoktadon kun matenmanĝo, ekskursoj, tag- kaj vespermanĝoj estas:

| | |
|---|---|
| por unu persono en 3lita ĉambro | 310 DEM |
| por unu persono en 2lita ĉambro | 350 DEM |
| por unu persono en 1lita ĉambro | 400 DEM |

+ bankkonto = 3 DEM.

Petu informojn kaj aliĝilon ĉe

Ladislav Láni, CK Moravie,
Náves svobody 14,
CZ-783 71 Olomouc
Fakso: 0042-68-33014.

## Amika Renkontiĝo en Hungario

antaŭ la 49a IFEF-kongreso 07.-10.05.1997

okazos en Sárospatak en la nordorienta parto de Hungario. Urborigardo, ekskursoj, vizito en vinkelo.

| | |
|---|---|
| Kotizo inkluzive ekskuroj, manĝajoj, vingustumado ktp. sen hotelo estas | 130 DEM |
| + organiza kotizo | 9 DEM |
| 1lita ĉambro: 1 pers/1 nokto | 40-45 DEM |
| 2lita ĉambro: 1 pers/1 nokto | 27-30 DEM |

inkluzive matenmanĝon.

Petu informojn kaj aliĝilon ĉe

VEME,
D-ro József Halász
Mühely u. 14,
H-3529 Miskolc.

# Protokolo de la publika plenkunsido
## en la 48a IFEF-kongreso en Hago (NL) - 14.05.1996.

**Mallongigoj**: Pr = prezidanto, Vp = vicpr, Sk = sekretario, Ks = kasisto, Rd = redaktoro, e-o = estraro, Ĉk = ĉefkomitatano, IF = Internacia Fervojisto, FK = Faka Komisiono, TS = Terminara Sekcio, FAS = Fake Aplika Sekcio, k-o = komitato, k-ano = komitatano, kk-ano = kromkomitatano, k-go = kolego, l.s. = landa sekcio, l.a. = landa asocio (landkodoj duliteraj, laŭ normo ISO 3166).

La Pr salutas kaj bonvenigas la partoprenantojn. La tuta e-o ĉeestas.

1. **Malfermo, konstato mandatoj**
La Sk alvokas la rajtigitojn kaj nombras la ĉeestantojn:

| Lando | Kodo | Komitatano | Lando | Kodo | Komitatano |
|---|---|---|---|---|---|
| Aŭstrio | AT | Martin STUPPNIG | Italio | IT | Germano GIMELLI |
| Belgio | BE | Lucien DE SUTTER | Jugoslavio | YU | Gvozden SREDIĆ |
| Bulgario | BG | – | Kroatio | HR | Marica BRLETIĆ |
| Ĉeĥio | CZ | Jindřich TOMÍŠEK | Nederlando | NL | Wim VAN LEEUWEN |
| Danio | DK | Jan NIEMANN | Norvegio | NO | Rolf BERGH |
| Francio | FR | Jean RIPOCHE | Pollando | PL | Janina WERESZKA |
| | | Jean ROLLAND | Rumanio | RO | Mihai STEFAN |
| Germanio | DE | Joachim GIESSNER | Slovakio | SK | Magdalena FEIFIČOVÁ |
| | | Otto RÖSEMANN | Slovenio | SI | Jovan MIRKOVIĆ |
| Hispanio | ES | José MOLINA | Svisio | CH | Ernst GLÄTTLI |
| Hungario | HU | József HALÁSZ | | | |

Ĉeestas 20 voĉdonrajtaj k-anoj.

2. **Ricevitaj telegramoj, leteroj**
La Sk legas la bondeziran kaj salutan leteron de k-go János PATAY (HU) malhelpata partopreni pro operacio.

3. **Honirigo al la mortintoj**
La Sk legas la nomojn de niaj mortintoj ekde 05.1994 ĝis 05.1995.

| Lando | Nomo | Naskiĝtago | Morttago | Aĝo | Menciindaĵo |
|---|---|---|---|---|---|
| Belgio: | Ghislain JACOBS | | | 72 | |
| Ĉeĥio: | Jaromír ŘEBÍČEK | 20.03.1908 | 29.08.1995 | 88 | IFEF-H.membro |
| Danio: | Karl STAMPE | 1918 | 02.10.1995 | 77 | Iama DEFA-Rd |
| | Robert MIKKELSEN | 1918 | 01.11.1995 | 77 | IFEF-revizoro |
| | Grethe ANDERSEN | | | | |
| | Anne SØRENSEN | | | | |
| Finnlando: | Eino FONSEN | 1900 | 14.05.1995 | 95 | |
| | Matti VOLTTI | 1899 | 09.08.1995 | 96 | |
| Francio: | Michel ROBERT | 17.10.1930 | 01.05.1995 | 65 | |
| | Simone ANGENAULT | 14.06.1921 | 28.12.1995 | 75 | |
| | Felix MAURY | 12.09.1913 | 06.02.1996 | 82 | |
| Germanio: | Theo J. PÜTZ | | 16.11.1994 | | |

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| Germanio: | Helmut WEIRAUCH | 1914 | 17.02.1995 | 81 | |
| | Alfred DIETRICH | 1927 | 02.04.1995 | 68 | |
| | Willi KIRSCHSTEIN | 1910 | 03.05.1995 | 85 | |
| Hispanio: | Electra RIGOLL MALET | | 03.10.1995 | | |
| | Antonio SANCHES SAN PEDRO | 1925 | 29.02.1996 | 71 | |
| Hungario: | Géza SZABADOS | 27.11.1919 | 09.06.1995 | 76 | |
| | Szilàrd BALINT | 1909 | 03.11.1995 | 84 | |
| | Erzsébet PALLÓS | 1922 | 11.12.1995 | 73 | |
| | István BÁCSKAI | 10.02.1908 | 23.01.1996 | 88 | IFEF-H.membro |
| Japanio: | Reiiĉi NAKAGAWA | | 08.08.1995 | | |
| Jugoslavio: | Stojan NAJDANOVIĆ | | | | |
| Kroatio: | Tea RUZIĆ | | | | |
| | Marko PAVIĈIĆ | | | | |
| Nederlando: | Evert MULLER | 1921 | 06.10.95 | 74 | |

Oni honore memorigas ilin per unuminuta silenta starado. Ke ili ripozu pace.

4. **Raportoj estraraj**
   **4.1 Sekretario** (IF 3/96, paĝoj 37a-38a)
   Unuanime aprobita.
   **4.2 Redaktoro** (IF 2/96, paĝo 24a)
   Unuanime aprobita.
   **4.3 Kasisto, konfirmo de kasraporto/bilanco 1995** (IF 2/96, paĝo 23a)
   Unuanime aprobita.
5. **Protokolo Pécs (HU)** (IF 5/95, paĝoj 71a-75a)
   Unuanime aprobita.

**5bis. Honorigoj**
Fine de mallonga ceremonio la Pr, nome de IFEF, honorigas k-gon Wilhelm BARNICKEL per la ora insigno de 'Honora Membro de IFEF'.

6. **Kongresproponoj**
   La Pr laŭtlegas la proponon Theurich kaj sekvas mallonga pridiskutado. La k-o voĉdonas tiel: kontraŭ: 19 voĉoj; por: 1 voĉo (AT Stuppnig).

7. **Raporto ĉefkomitatano**
   Ĉk De Sutter raportas pri la pasinta agadperiodo. Li povas rimarki, ke preskaŭ ĉiuj l.a. respondis al la cirkulero. Li partoprenis en la estrarkunvenoj en Scheveningen/Hago (NL) kaj Rosenthal (DE). Li ofte kaj bonorde havis rilatojn kaj korespondis kun la e-o kaj kun la k-anoj. Li montras kaj disdonas kopion de la Statuto de FISAIC en Esperanto. Raporto unuanime aprobita.

8. **Raportoj de la Faka Komisiono (FK)**
   **8.1 Gvidanto**
   Inĝ. Halász detale donas informojn pri la faka agado, ĉefe pri la aperinta 'Fakaj Kajeroj' n-ro 5; pri la fakprelegoj eksterkongresaj, ĉefe en UK; pri propono de pli ol 1.200 novaj terminoj el UIC, kiuj aperis en tri lingvoj (DE, FR, GB), kiujn rapide oni traduku; pri difinlaboro; pri propono por ŝanĝo de la vortordo. En 1995 aperis tri TEKUoj. La venonta estos la 100a n-ro. Raporto unuanime aprobita.

**8.2 Sekretario de la Fake Aplika Sekcio (FAS)**
Nome de inĝ. Kovář, kiu ne ĉeestas en la IFK, inĝ. Halász legas lian raporton pri la FAS-agado. Raporto unuanime aprobita.

**8.3 Sekretario de la Terminara Sekcio (TS)**
D-ro Hoffmann raportas pli detale kaj priskribas la tradukan kaj revizian laboron de la Terminara Sekcio. Raporto unuanime aprobita.

**9. Raportoj de la Komisiitoj**

**9.1 Skisemajno (IFES) 1995** (IF 2/96, paĝo 26a)
La komisiito Jan Niemann informas pri la sukcesinta lasta 37a IFES en Kouty n. Des (CZ), 18.-24.02.1996. Raporto unuanime aprobita.

**9.2 Fervoja Koresponda Servo 1994**
Nome de la komisiito inĝ. Sorin Porupca, k-go Stefan informas pri la porkoresponda agado. Raporto unuanime aprobita.

**9.3 Komitatano "A" por IFEF ĉe UEA**
Vp Gulyás raportas pri la 80a UK Tampere (FI), kie UEA distingis s-ron Giessner kaj s-inon Ernst. Menciindas la nomumo de prof. Wandel kiel respondeculon pri la fakaj kategorioj. Estis akceptitaj du novaj landaj asocioj de UEA: nome Rumanio (RO) kaj Togolando (TG). Okazis faka kunveno kun sufiĉe multnombra partopreno kaj atento. La Vp anoncas ankaŭ pri la kunveno dum la UK Prago, kiu okazos marde la 23an de julio je la 10,00a h. Raporto unuanime aprobita.

**9.4 Uniformparado**
K-go Krogstie informas ke en NL ne eblis, sed uniformparado estas planita por 1997 en Košice. Li invitas sekvi la indikojn pri tio aperontaj en IF. Raporto unuanime aprobita.

**10. Resumo de jarraportoj 1995 el la landaj asocioj**
Vp Gulyás resumas la situaciojn kaj la agadojn de la l.a. La tuta raporto aperos en IF n-ro 5/96. Raporto unuanime aprobita.

**11. Analizo de la nuna situacio en kelkaj landoj**
Pr Engen montras al la raporto de la Vp, kiu estas jam sufiĉe informiva kaj klara.

**12. Budĝeto 1997 kaj kotizkonfirmo**
La Pr montras al la budĝeto 1997 jam disdonita al ĉiuj k-anoj. La jarkotizo restas je 6,5 CHF. Budĝeto kaj kotizo unuanume aprobitaj. Nome de REFA, k-go Stefan dankas pro la helpo al du junuloj en sia delegacio.

**13. Rilatoj al aliaj organizoj**

**13.1 UEA**
La Vp montras al la parolado de s-ro Osmo Buller dum la inaŭguro: IFEF estas la plej aktiva faka asocio de UEA: krome en la Jarlibro 1995 estas 43 FD (Fakdelegitoj).[1] Li konsilas la viziton al la C.O. de UEA en Roterdamo, vendredon la 17a. Raporto unuanime aprobita.

**13.2 FISAIC**
La Pr mencias ke lastatempe estis problemoj pri la tradukado en Esperanton de la tagordoj kaj de la protokoloj, sed FFEA klopodos plenumi tiujn taskojn antaŭviditaj en la FISAIC-statuto.

---

[1]. Artikoletoj en IF 1995.4 p.62 kaj en ĉi tiu numero p. 66 mencias 56. (Red).

**14. Venontaj kongresoj**

**14.1 Konfirmo de invito al la 49a IFK (SK) 1997**

Unuanima aprobo pri la elekto de Košice (SK), 10.-17.05.1997, kiel kongresurbo. Oni anoncas ankaŭ postkongreson en SK, 18.-24.05 sur la Tatraj Montoj. Okazos disdono de invitiloj, aliĝiloj, glumarkoj (po 24 en ĉiu folio). Pretaj estas ankaŭ proponoj por antaŭa Amika Renkontiĝo 07.-10.05 en HU kaj Antaŭkongreso 06.-09.05 en CZ.

**14.2 Elekto de lando por 1998**

Nome de DEFA, la Ks, s-ro Hauge invitas al DK por 1998 (jubilea jaro) (Aalborg, 16-22/05). Unuanima aprobo. D-ro Menabene proponas sian sperton kaj laboron pere de faksilo. S-ino Caragea proponas ke la vorto 'ESPERANTO' estu bone legebla sur la kongresinsignoj.

**14.3 Diskuto pri pluraj eblecoj**

S-ro Mirkoviĉ invitas al Slovenio por 1999 (Maribor). La k-o provizore akceptas.

**15. Venontaj IFES 1997 kaj poste**

La komisiito Niemann invitas al la 38a IFES, en Mühlbach (AT), 08.-15.03.1997. La k-o unuanime aprobas. Li disdonas kopiojn de la aliĝilo.
Estas propono por SI en 1998 kaj por iu loko en Pireneoj, ES, en 1999. La k-o provizore aprobas.

**16. Eventualaĵoj**

K-go Niemann anoncas la organizon de KEF = Kultura Esperanto Festivalo, 06.-11.08.1996 en Kopenhago (DK) kaj disdonas aliĝilojn.

**17. Libera diskutado**

D-ro Boschin (IT) informas pri la agado ĉe IKUE kaj pri la eldono de la Meslibro en Esperanto. Li substrekas la gravecon de la agnosko de Esperanto fare de la Katolika Eklezio.
K-go Tomíšek (CZ) informas, ke en Přerov estas apogo flanke de la fervojo (flagetoj). Li proponas internacian kunlaboron.
S-ro Giessner (DE) propagandas surkasedajn operetajn melodiojn, librojn, ktp.
S-ino Caragea (DE) petas diversajn organizajn klarigojn al kiuj respondas la e-o.

Fine de la traktindaĵoj, Pr Engen fermas la kunvenon, dankante ĉiujn pro la atento kaj kontribuo.

Bologna, 28.06.1996.
Protokolis: Sk Romano BOLOGNESI

# La historio de legenda lokomotivo

La 9an de aprilo 1940 je la 7a matene staris en la orienta stacio de Oslo, Oslo Ø, trajno preta por veturigi la reĝon Haakon VII, la registaron kaj parlamentanojn for de la germanaj okupantoj.

La trajno estis tirata de vaporlokomotivo n-ro 377 konstruita en Svedio en 1919. En 1969 ĝi vendiĝis al angla privatulo kaj fervojentuziasmulo s-ro Herald Pagano, kiu dum du jaroj redonis al ĝi la originan staton kaj koloron, kaj en 1971 ĝi baptiĝis kaj ricevis la nomon *King Haakon*.

Poste Bressingham Steam Museum transprenis ĝin, kaj nun oni deziras vendi ĝin. Estus dezirinde, ke poste ĝi revenus al Norvegio.

Odd Kolbrek

# Resumo de la ĉefa fakprelego de la 48a IFK

## La historio de la trajntrafikregejo en Amsterdamo

*Jan Bultman*

Daŭris ĝis 1839 antaŭ ol en Nederlando, inter Amsterdamo kaj Haarlem, malfermiĝis la unua fervojlinio. Je tiu momento la fervoja reto en komparebla lando kia Belgio ampleksis jam la longon de kelkaj centoj da kilometroj. La kontraŭuloj de la fervojo en nia lando estis klasifikeblaj laŭ du grupoj:

a) tiuj, kiuj pro konservativismo aŭ timo pro la 'fajra monstro' rifuzis ĉion ajn novan sur tiu tereno,
b) tiuj, kiuj vidis la fervojon kiel seriozan minacon pri sia vivgajno: la perakva transporto. Do, la barkistoj.

Por la trafikkontrolisto de hodiaŭ tiu tempo de la unua trajno estus vera paradizo. Ekzistis nur unu linio kun unu trako; veturis nur unu trajno kaj sekurecinstalaĵo preskaŭ ne estis. Nur ĉe kelkaj lokoj estis gardisto aŭ gardistino, kiu devis kontroli la parton de la trako pri kiu ŝi aŭ li estis respondeca.

En Nederlando ĉiutage veturas proksimume 5000 trajnoj sur ± 3000 km da reloj ĉiutage. Nederlandaj Fervojoj (NS) transportas proksimume 900.000 vojaĝantojn ĉiutage, kaj ankaŭ pli kaj pli da vartrajnoj. Ek de la tridekaj jaroj ekzistas kadenchoraro sur la tuta reto. La frekvenco sur ĉiu linio estas minimume unu trajno ĉiuhore, ek de la mateno ĝis noktmeze. Sed sur la linioj en la okcidentaj provincoj la frekvenco estas tiel alta, ke diversaj linioj jam satiĝas aŭ baldaŭ satiĝos. Pro tio NS nun laboras pri duobligo de multaj (dutrakaj) linioj. Tiuj laboroj kompreneble ofte ĝenas la regulan fervojan trafikon. Ek de 1839 oni konstruis pli da fervojlinioj, sur kiuj veturis pluraj trajnoj sur la sama trako. Ek de tiu tempo oni bezonis sekurecsistemon kun signaliloj kaj trakforkoj. Oni konstruis regejojn el kiuj oni funkciigis la signalilojn kaj trakforkojn. Dum la sekvintaj jaroj pli multaj kaj pli grandaj regejoj aperis. Tiel longe kiel la distanco inter la signaliloj kaj trakforkoj ne estis tro granda oni povis uzi levumilojn kun helpo de fortaj brakoj. Poste oni konstruis la regejojn kun elektra trakregado. Nuntempe la sekurecsistemo estas moderna; braksignalilojn vi ne plu trovos, ĉiuj signaliloj estas lumsignaliloj.

Pli kaj pli la trajntrafikregejoj estas centralilizitaj. La tipa regejo nun estas regejo, en kiu la servistaro sidas antaŭ paneloj por regi la trajntrafikon. En la jaro 1974 oni ekuzis la centralizitan trajntrafikregejon en Amsterdam Centra Stacidomo. Je tiu momento en la regiono de Amsterdamo ankoraŭ ekzistis 15 lokaj regejoj. Ek de 1974 oni ne plu bezonis ses el ili kaj la lasta regejo malaperis en la jaro 1990.

En Nederlando ekzistas 15 trajntrafikregejoj, kiuj regulas la trajntrafikon en nia lando. En Utrecht situas tegmenta trajntrafikregejo.

Kio estas la celo de trajntrafikregado? Trajntrafiko laŭ la horaro! Kiu prizorgas tion, kaj kiuj laboras en la trajntrafikregejo?

1) La trajntrafikestro: Li prizorgas la sekurecon pri la trajnmovoj en sia zono de trakregejo. Li devas realigi la trajntrafikon laŭ la planizita horaro. Por fari tion li disponas nuntempe pri komputilo, ekranoj kaj klavaro.
2) La trafikkontrolisto: Li klopodas kontroli la trajntrafikon helpe de diversaj trajntrafikestroj. Li ankaŭ regulas la cirkulciklon de la pasaĝervagonoj kaj la deĵoron de la veturanta personalo.
3) La anoncisto: Li funkciigas la laŭtparolilinstalaĵon por informi la vojaĝantojn. Li funkciigas ankaŭ la trajnindikajn tabulojn. La trajntrafikregejo regulas la trafikon en la propra regiono. Rapida kaj prefere ĝusta informfluo devas zorgi ke ĝenataj faktoroj sufiĉe frue estos anoncataj.

Se ĉiu trajno veturus laŭ la horaro kvieto regus en la trajntrafikregejo. Sed... tio povas rapide ŝanĝiĝi. Ekzistas multege da okazaĵoj, kiuj povas ĝeni la normalan trajntrafikon. Mi volas mencii kelkajn el ili:

- Kolizioj sur traknivelaj pasejoj.
- Perturbo en la kurentprovizado de la elektra trakregejo. Tio signifas, ke oni ne plu povas funkciigi la trakforkojn kaj la signalilojn.
- Katenariaj problemoj. Ili ofte okazas sekve de kolizio kun aŭtomobilo sur traknivelaj pasejoj.
- Ofte ie en la lando difektiĝas trajno. Ne gravas kie ajn tio okazas, preskaŭ ĉiam oni rimarkas la sekvojn en Amsterdamo, precipe pro la malfrua alveno de la veturanta personalo, kiuj en Amsterdamo devos deĵori en alia trajno.

La ĝenerala situacio en la Centra Stacidomo en Amsterdamo ankaŭ malfaciligas la reguladon de la trajntrafiko en la regiono. Dum ĉiu labortago pli ol 100.000 pasaĝeroj forveturas respektive alvenas per trajno. Nenie en alia stacidomo en la lando oni priservas tiom da trajnoj en tiel malgranda spaco. Ek de la jaro 1925 la Centra Stacidomo havas 15 trakojn el kiuj 11 estas kajotrakoj. Tiam la nombro de trajnoj jam estis po 200 ĉiutage. Hodiaŭ la trakaro estas ankoraŭ preskaŭ la sama, sed nun ni devas priservi pli ol 1400 trajnojn ĉiutage. Plivastigo de la trakaro ne eblas. Tio signifas, ke oni preskaŭ ĉiam devas batali kontraŭ tro multe da trajnoj por tro malmulte da trakoj se la trajnoj pro iu kaŭzo malfruiĝas.

- Alia problemo povas esti la moveblaj fervojaj pontoj. Vi ja scias, ke Nederlando estas akvoriĉa lando. En la komenco de la 19a jarcento estis fosita granda nombro da kanaloj kaj plibonigitaj multaj riveroj por la bezono de la ŝipveturado. Nuntempe la fervojreto en Nederlando nombras proksimume 2000 fervojajn pontojn, el kiuj ± 90 estas moveblaj. En la amsterdama regiono ankoraŭ ekzistas 10 pontoj, kiuj regule estas malfermitaj. Kelkaj grandaj fervojaj pontoj, kiuj ofte ĝenis la trajntrafikon, malaperis pro la konstruado de tuneloj.

En la printempo de la jaro 1974 Amsterdamo akiris pli modernan sekurecsistemon. La laboro en la nova centralizita trajntrafikregejo komenciĝis en aprilo 1974. La nova regejo situis en la malnova poŝtoficejo de la Centra Stacidomo. Dum la sekvontaj jaroj la regiono de Amsterdamo pligrandiĝis same kiel la nombro de trajnmovoj tie. Tio signifas la pligrandiĝon de la nombro kaj de la formato de la diversaj paneloj kaj aliaj aparatoj. Pro tio oni apenaŭ povis labori en la ankoraŭ disponebla spaco.

En la jaro 1984 oni ekesploris la eblecojn por akiri novan lokon por la trajntrafikregejo. Je la sama momento montriĝis, ke ankaŭ diversaj teknikaj sekcioj serĉis novan laborlokon. Oni elektis finfine lokon tuj apud la stacidomo. Oni konstruis tre modernan kaj konvenan konstruaĵon. La nomo estas: VLTC (Trajntrafik- kaj Teknika Centro). Dank' al la alta loko la trajntrafikregejo estas bone videbla kaj aspektas iomete kiel ĵus surterigita fluganta subtelero. La kupolforma tegmento ankoraŭ plifortigas tiun impreson. En la kelo estas parkejo por 95 aŭtomobiloj. Malsupre estas la Teknika Centro de diversaj teknikaj sekcioj. La unua etaĝo enhavas kolekton de diversaj oficejoj.

La trajntrafikregejo kaj la centra ŝaltejo formas la plej supran parton.

Okulfrapa, kiam vi eniras la regejon, estas la grandega spaco. Troviĝas ankoraŭ nur unu granda panelo, tiu de Amsterdamo. Krome vi rimarkas la belegan panoramon de la fervojtereno, la urbo kaj parto de la haveno. Hodiaŭ la trajntrafikestro sidas malantaŭ ekranoj kaj funkciigas la signalilojn kaj trakforkojn per klavaro. Sur la ekrano li povas akiri informojn pri la trajntrafiko en la propra regiono kaj ĉe la najbaraj regejoj. Krome li akiras informojn pri la deĵoro de la veturanta personalo, la malfruo de trajnoj, detaloj pri specialaj trajnoj ktp.

Se la trajntrafiko veturas laŭ la horaro, la komputilo estas tre bona helpilo. Samtempe deĵoras ĉi tie 30 personoj. La tuta personalo de la trajntrafikregejo nombras proksimume

130 personojn. Preskaŭ ĉiuj trajntrafikestroj povas labori en diversaj lokoj. Ili laboras dum du horoj sinsekvaj kaj poste havas paŭzon de unu horo. Tio simple necesas, ĉar regi la trajntrafikon dum du horoj estas streĉa laboro.

Por la estonteco oni antaŭvidas pli da trajnoj kaj precipe pli da grandrapidaj trajnoj. Ek de la somera horartabelo 1996 la grandrapidaj trajnoj veturos inter Amsterdamo kaj Parizo. Ili provizore devos veturi sur la klasika fervojo, inter la normala trajntrafiko, kun maksimuma rapido de 160 km/h.

La nova trajntrafikregejo en Amsterdamo nuntempe estas moderna, sed post kelkaj jaroj ĝi eble jam estos malmoderna. La tekniko rapidege evoluas kaj novaj iloj povos helpi la trajntrafikregadon.

Sed ĉiam multe da laboro estos farota de la servistaro!

# Resuma jarraporto
## de la landaj asocioj de IFEF pri la jaro 1995

La ĉefkomitatano de IFEF ĝustatempe sendis la cirkuleron, kiu entenis la demandilon por la jarraporto al la landaj asocioj. El inter la 24 landaj asocioj de IFEF 22 sendis jarraporton, 21 relative je la limdato, nur Jugoslavio malfruis unu monaton.

La alvenintaj unuopaj raportoj ampleksas inter unu kaj sep paĝoj. La plejparto de la senditaj jarraportoj estas precize preparitaj. Nun malpli multaj landaj asocioj respondas unuvorte ('jes', respektive 'ne') al la unuopaj demandoj, kvankam tiu unuvorta sistemo ankoraŭ ne malaperis.

Britio sendis nenion, Estonio resendis la cirkuleron kun la rimarko: "Anstataŭ jarraporto. Bedaŭrinde nia Estonia Esperanto Sekcio ankoraŭ stagnas. H. Kappel prez. Est.Sekc. 9.II.96."

La finnoj raportas: "Post morto de nia membro magistro Matti Voltti nia membronombro falis ĝis naŭ. Mi donis en la oficejo de societoregistro dokumentojn pri ĉesigo de nia societo. 13.12.1995." Laŭ tiu anonco IFEF devas nuligi Finnlandon el la listo de siaj landaj asocioj.

Pluraj landaj asocioj plendas pri kresko de la ekonomia malboniĝo, pri kresko de la nombro de senlaboruloj, pri kresko de la meza aĝo de la membraro, kiuj kreskoj malfavore efikas al la Esperanto-movado, malhelpas la progreson kaj evoluon de tiu. Antaŭ kelkaj jaroj florantaj landaj asocioj jam plendas pri la cirkonstancoj, kiuj malfavore influas la movadan vivon, malhelpas la evoluon, eĉ kaŭzas ĉiam pli grandajn problemojn. Sed ni lasu la ĝeneralajn konstatojn, ni vidu la konkretaĵojn.

Mi rimarkas, ke la menciataj indikoj koncernas nur 22 landajn asociojn, mankas ja tiuj el Britio kaj Estonio.

**1. La landaj asocioj**

IFEF registras 24 landajn asociojn. Ĉiu landa asocio havas estraron, kies nombro varias inter 3 kaj 11.

La raportantaj 22 landaj asocioj totale havas 119 grupojn, ses grupojn malpli ol en la antaŭa jaro. La nombro de la grupoj de la unuopaj landaj asocioj varias inter unu kaj 22.

La membronombro de la estraro de la unuopaj grupoj varias inter 3 kaj 11. La estraroj regule kunsidas.

La landaj asocioj nombras 4172 membrojn (1994: 4386), 214 membrojn malpli ol en la antaŭa jaro.

Strangan bildon montras la statistiko pri la IFEF-membraro. Laŭ la raportoj IFEF havas 1447 membrojn, tiu ĉi cifero montras malkreskon de 143 membroj. Mi supozas, ke tiuj indikoj ne estas precizaj en la jarraportoj, ili ja ne egalas la indikojn aperintajn en nia oficiala revuo Internacia Fervojisto. Mi preferas la indikojn en IF, tiuj ja bazi-

ĝas sur la enpagitaj membrokotizoj. Estas interese, ke la nombro de IFEF-membroj similas en la raportoj de la landaj asocioj kaj IFEF ĉe Ĉinio, Jugoslavio, Kroatio, Nederlando, Norvegio, Rumanio, Slovakio kaj Slovenio. Jenaj landaj asocioj raportas malpli ol IFEF: Aŭstrio, Belgio, Bulgario, Ĉeĥio, Danio, Finnlando, Germanio, Italio, Hispanio, Hungario kaj Svislando. Landaj asocioj, kiuj raportas pli ol IFEF: Francio, Japanio kaj Pollando. Estas ĝojige, ke Svedio denove aperis en la tabelo, ili jam aliĝis al IFEF.

Estus interese plu analizi la membronombron de IFEF. Supraĵe mi mencias, ke IFEF registris en

1992: 1852 membrojn
1993: 1787 (65 membrojn malpli ol en 1992)
1994: 1666 (121 membrojn malpli ol en 1993)
1995: 1669 (3 membrojn pli ol en 1994).

Do inter 1992 kaj 1995 nete 183 membrojn malpli.

Same malfavoran situacion spegulas la nombro de la emerituloj inter la IFEF-membraro: en 1994 estis 950 emerituloj, 60% de la membraro, en 1995 estis 1070 emerituloj, 74% de la membraro.

Tiuj estas sekaj statistikaj ciferoj, tamen ili alvokas nian atenton. Ni nepre devas konkludi, ni nepre devas krei planon, konkretajn taskojn por plibonigi la situacion, plifirmigi nian movadon.

Despli gravas tio, ĉar nur 14 raportoj (el 22) indikis konkrete celitan membronombron por 1996. Ĉu la ceteraj ne havas respondecon? Tiel aspektas tiu ĉi plano ĉe la unuopaj landoj: Aŭstrio: ne scias, Belgio: ne scias, Bulgario: saman, Ĉeĥio: + 12, Danio: saman, Finnlando: nenion, Francio: ?, Germanio: + 3, Hispanio: kalkulas malkreskon, Hungario: saman, Italio: + 10, Japanio: ?, Jugoslavio: ?, Kroatio: ?, Nederlando: saman, Norvegio: saman, Pollando: ÷ 1, Rumanio: + 17, Slovakio: saman, Slovenio: + 20, Svislando: saman; entute nete: + 61 membroj.

**2. Landaj organoj. Kontakto kun IFEF-redakcio**

13 landaj asocioj eldonas propran organon. Inter ili aperigas 11-foje jare: Danio, Francio kaj Nederlando; sesfoje: Hispanio; kvarfoje: Aŭstrio, Ĉinio, Germanio, Hungario, Italio, Jugoslavio, Norvegio kaj Svislando; trifoje: Japanio. Dum la raporta jaro la revuoj de la landaj asocioj amplek-sas 556 paĝojn. Nur Danio kaj Hungario aperigas ĝin pure en Esperanto, la ceteraj parte en Esperanto, parte en nacia lingvo.

10 landaj asocioj havas spacon en aliaj organoj por aperigi artikolojn, respektive sciigojn pri Esperanto-movadaj eventoj.

19 landaj asocioj raportas pri respondeculo pri kontakto kun la IFEF-redaktoro (Aŭstrio, Bulgario kaj Kroatio ne havas).

**3. Rilatoj kun fervojaj kaj aliaj instancoj**

Finnlando kaj Japanio ne havas rilatojn al la fervojaj administracioj.

Belgio, Ĉinio, Danio, Francio, Italio, Hispanio, Hungario, Jugoslavio, Kroatio, Nederlando, Norvegio, Rumanio, Slovenio kaj Svislando ricevas financan apogon aŭ alian helpon de la fervojo (ekz. klubejon, senpagan bileton por veturi al kongresoj, bibliotekojn).

La klarigoj de la oficialaj horarlibroj aperas ankaŭ en Esperanto en Ĉeĥio, Danio, Hungario, Jugoslavio, Pollando, Rumanio kaj Slovakio. La efiko de la alvokoj, kiujn ni dissendis al la fervojoj ĝis nun ne rezultigis sukceson por aperigi en aliaj landoj Esperanto-klarigojn en la oficialaj fervojaj horarlibroj. En kelkaj landoj – ekz. en Italio, Slovenio kaj Svislando – oni jam havas esperigajn signojn, do ni esperu!

Laŭ la raportoj 15 landaj asocioj havas bonajn rilatojn al FISAIC-organizaĵo. El ili 12 landaj asocioj raportas pri financa kaj alia subteno de FISAIC. 16 landaj asocioj sendas raportojn aŭ informojn al la landa FISAIC-organizaĵo. En ok landoj la fervojistaj esperantistoj havas funkciojn ĉe la landa organizaĵo de FISAIC kiel estraranoj aŭ aliaj funkciuloj.

11 landaj asocioj havas rilaton kun la lan-

fervojistaj esperantistoj ricevas apogon de la sindikatoj. Kvin landaj asocioj sendas raportojn al la sindikatoj, kaj du asocioj donas nur informojn al ili.
13 landoj laboras kun la kulturaj, artaj, libertempaj, filatelistaj, radioamatoraj, sportaj kaj turismaj organizaĵoj por fervojistoj. Ok landaj asocioj havas rilatojn al nefervojistaj organizaĵoj. Tiuj estas instruistoj, poŝtistoj, pacemuloj, medicinistoj, naturamikoj, handikapuloj, mondcivitanoj, ĵurnalistoj, verduloj ktp.
En naŭ landoj fervojistaj esperantistoj daŭre strebas kaj luktas por realigi la enkondukon de Esperanto-klarigoj en la oficiala horarlibro.

**4. Kunlaboro. Rilatoj kun aliaj esperantistaj organizaĵoj**

19 landaj asocioj havas rilaton kun UEA pere de siaj landaj Esperanto-asocioj, kvin landoj kun SAT.
14 landoj havas bonajn kontaktojn kun Esperanto-institutoj, najbaraj IFEF-asocioj, Esperanto-muzeoj, Esperanto-bibliotekoj, ILEI, KELI, MEM, IPTEA, IKUE, ERA, MEL, UMEA ktp.
Laŭ la raportoj 13 landaj asocioj havas entute 49 fakdelegitojn de UEA pri fervojo. La landoj celas havi je la fino de 1996 entute 67 fakdelegitojn de UEA pri fervojo.

**5. Informado kaj varbado**

19 landaj asocioj raportas pri tio, ke ili instigis aperigi artikolojn en la gazetoj. Inter ili Italio, Belgio, Ĉeĥio, Svislando, Jugoslavio, Rumanio kaj Hungario raportas pri multnombraj artikoloj, Germanio pri 42, Norvegio pri 25 artikoloj en diversaj tagaj kaj semajnaj – ĉefe fervojaj kaj lokaj – gazetoj.
13 landaj asocioj raportas pri dissendo de priesperanta inform-materialo unufoliaj, plurfoliaj materialoj kaj afiŝoj. El ili la plej grandaj kvantoj pretiĝis – kiel kutime dum multaj jaroj – en Germanio (5200 pecoj), Francio (4200 pecoj), Italio (4000 pecoj), Norvegio (170 pecoj), Danio (120 pecoj), Ĉeĥio (100 pecoj). La materialojn oni dissendis ĉefe al deĵorejoj, al vizitantoj okaze de ekspozicioj, al institucioj, bibliotekoj kaj vojaĝagentejoj.
En 13 landoj okazis pli ol 80 fakprelegoj, plejparte pri fervojaj novaĵoj, pri ekskursoj, pri la IFEF- kaj UEA-kongresoj kaj pri la fervoja terminaro.
10 landaj asocioj raportas pri prezentaĵoj, sciigoj kaj intervjuoj en radio-programo, plej multaj en Norvegio kaj Hungario. Okazis ankaŭ prezentadoj en televidprogramo en Belgio, Italio, Hispanio, Rumanio kaj eĉ konstanta prezento per teleteksto en TV Slovenio.
En naŭ landoj oni aranĝis ekpoziciojn, kiujn vizitis ĉ. 25.000 interesiĝantoj, el ili en Ĉeĥio pli ol 10.000, en Italio pli ol 5000, en Norvegio 2000, en Germanio 1200, en Hungario 500 personoj.
Laŭ la raportoj en 14 landoj okazis informado en deĵorejoj per murgazetoj, informkestoj, anoncoj, prezentadoj, deĵoraj radioj ktp.
14 landaj asocioj uzas aliajn metodojn por informi pri Esperanto aŭ varbi novajn membrojn. Tiuj okazas per varbinformiloj, adrestabuloj, prospektoj, gazetoj, lingvokursoj, flugfolioj, afiŝoj, organizadoj de ekskursoj, deĵoraj radioj, cirkuleroj kaj personaj kontaktoj.
En 1996 la landaj asocioj planas elsendi ĉ. 10.000 informilojn en 12 landoj, ĉ. 1000 afiŝojn en du landoj, pli ol 2000 broŝurojn en ses landoj. La plej diligentaj landoj estas Italio, Francio, Germanio kaj Norvegio.
14 landaj asocioj planas prezenti prelegojn (entute 80) en la jaro 1996. Laŭ la raportoj okazos ekpozicio en 10 landoj, kaj en 15 landoj oni planas aranĝi varbaranĝojn en 1996.

**6. Kunvenoj, kursoj ktp.**

Ĉiuj landaj asocioj – krom Finnlando kaj Japanio – aranĝis en 1995 estrarkunsidojn entute 110. La ĉefaj temoj de tiuj kunsidoj estis financaj, administraciaj, organizaj, movadaj, varbadaj, funkciadaj, propagandaj, interrilataj kaj kongresaj aferoj. La plej multe pritraktitaj temoj estis la maljuniĝo

multe pritraktitaj temoj estis la maljuniĝo de la movado, la edukado de nova generacio, la estonto de nia federacio, la financaj kaj ekonomiaj malfacilaĵoj kaj ekzameno de eblecoj de juniĝo de la fervojista Esperanto-movado.
17 landoj aranĝis entute 400 membrokunvenojn ĉe la fakgrupoj de la landaj asocioj, kaj ĉeestis entute ĉ. 4000 personoj.
En 16 landoj oni faris memstarajn lingvokursojn, entute 45, en kunlaboro kun aliaj Esperanto-organizaĵoj ĉ 50 lingvokursojn. La nombro de kursanoj estis entute 550. Ĉe la kursoj elstaris Francio kun 150 kursanoj, Hungario 109 kursanoj, Rumanio 70 kursanoj, Danio 36 kursanoj, Ĉinio kaj Italio 30 kursanoj, Aŭstrio kaj Bulgario 20 kursanoj. Tiu nombro ne enhavas tiujn kursanojn, kiuj lernas Esperanton pere de televidaj kursoj, korespondaj kursoj kaj konversaciaj rondoj.
Escepte de Aŭstrio, Italio, Hispanio kaj Slovenio ĉiu landa asocio aranĝis jarkunsidon, entute kun 810 partoprenantoj. Inter ili partoprenis en Rumanio 143, en Jugoslavio 100, en Germanio 82, en Bulgario 73, en Francio 70, en Danio 62, en Kroatio kaj Pollando 50, en Belgio kaj Hungario 25, en Ĉinio 15 ĉeestantoj. En sep jarkunvenoj partoprenis eksterlandanoj, entute 47 personoj. En la kadro de la jarkunvenoj oni faris 15 fakprelegojn, 10 ekskursojn kaj aliajn distrajn programojn. Ĉiu landa asocio planas aranĝi jarkunvenon en 1996.
Kvar landaj asocioj aranĝis en 1995 internacian fervojistan Esperanto-renkontiĝon. En Hungario okazis la 47a IFK en la urbo Pécs kun 327 partoprenantoj el 23 landoj; en Aŭstrio okazis la 36a IFES en Mühlbach proksime de la urbo Bischofshofen kun 42 partoprenantoj el ses landoj; en Ĉeĥio estis la printempa estrarkunsido de IFEF en la urbo Dobřichovice apud Prago, kaj la aŭtuna estrarkunsido de IFEF en Nederlando en la kongresurbo Hago.
En 1996 okazas kelkaj similaj aranĝoj. Ekz. en Ĉeĥio jam okazis en februaro la 37a IFES en Kouty nad Desnou, kie partoprenis 39 personoj el ses landoj. En Germanio, en la ripozloko Rosenthal okazis en marto la printempa estrarkunsido de IFEF. En majo okazos la 48a IFK en Nederlando en la urbo Hago. En septembro okazos la aŭtuna estrarkunsido verŝajne en Italio.
Ĉiuj landaj asocioj planas aranĝi estrarkunsidojn en 1996, inter ili Belgio kaj Bulgario 12foje, Francio 11foje kaj Hispanio 10foje. En naŭ landoj okazos kunvenoj kaj aliaj eventoj por la membraroj. En tiu kadro ili aranĝos klubkunvenojn, kunsidojn, ekskursojn, distrajn programojn, renkontiĝojn por emerituloj ktp.
17 landaj asocioj celas aranĝi entute 70 kursojn kun 750 lernantoj en 1996.

**7. Kongresa gazetara servo. Fakprelegoj dum la kongresoj**

17 landaj asocioj uzis la oficialan materialon de la gazetara servo de la 47a IFK, ĉefe por verki raportojn al diversaj instancoj, por prelegi en kluboj kaj por pretigi materialon al landaj kaj fakaj organoj, por diskonigi inter la membroj de la landaj asocioj.
La landaj asocioj konstante bone taksas la kongresajn bultenojn de IFK en Pécs, sed mi prezentas du opiniojn: la rumana landa asocio skribas: "Preskaŭ mankas la nomoj en materialoj. Plej ofte temas pri 'samideano', 'partoprenanto' ktp, kaj malofte pri Jan, Lucien, Ivan, Astrid ktp, kvankam ni konstatis, ke jam kreiĝis iu kongresa familio". La svisa landa asocio skribas: "Ni alte taksis la valoron de la materialo, kiu estis bone verkita kaj rapide je dispono. La aŭtoroj meritas nian dankon!".
La kongresajn fakajn prelegojn oni konstante bone povas uzi. Multaj landaj asocioj tradukis ilin al la nacilingvo, kaj transdonis la materialon al la gvidantoj de la fervojoj kaj al fakaj nacilingvaj gazetoj.

(Daŭriĝo en IF n-ro 1996.6)

*Ekzistas homoj, kiuj serĉas tajperarojn. Serv-cele ni enmetis kelkajn.*



# La 81a Universala Kongreso de Esperanto

Inter la 20a kaj 27a de julio 1996 okazis la 81a Universala Kongreso de Esperanto en la ĉefurbo de Ĉeĥa Respubliko, Prago. En la kongreso partoprenis 2971 esperantistoj el 66 landoj. Prago gastigis Universalan Kongreson lastfoje en 1921, kaj ĉijare realiĝis la sopiro de ĉeĥaj kaj slovakaj esperantistoj montri al eksterlandaj samideanoj la belegan Pragon, la patrinon de ĉeĥaj urboj, la centturan urbon.

La kongreso okazis en luksa kaj moderna konstruaĵo, Kultura Palaco.

La 81a UK komenciĝis la 21an de julio per la solena inaŭguro. La prezidanto de UEA en sia festparolo rememoris, ke lastfoje Prago gastigis UKon antaŭ 75 jaroj. La ĉijara kongreso trovis konvenan lokon en Prago, kiam nia movado festas centjariĝon de la unua teatra prezentado en Esperanto. Li akcentis la demokratian karakteron de la Esperanto-movado, kiu klopodas helpi al lingve malfortaj nacioj kaj konservi ĉies lingvojn sub la devizo 'unueco en diverseco'.

Pluraj eminentuloj sendis al la kongreso siajn salutojn kaj mesaĝojn, inter ili Václav Havel, prezidento de Ĉeĥa Respubliko, Boutros Ghali, ĝenerala sekretario de Unuiĝintaj Nacioj Federico Mayor, ĝenerala direktoro de Unesko.

La kongresa temo estis: *Kulturo: valoro aŭ varo?* Tiun temon multfoje pritraktis la partoprenantoj dum la kongreso, kaj finfine ĉiuj ĉeestantoj konsentis, ke kulturo kaj Esperanto ekde ties komenco estas intime ligitaj.

Jam antaŭ la oficiala inaŭguro la komitato de UEA eklaboris kaj kunsidis. Entute kvar komitatkunsidoj kaj kvin komitataj laborgrupaj kunsidoj okazis, en kies kadroj la komitatanoj pritraktis signifajn temojn. Inter la plej gravaj decidoj mi mencias la akcepton de du novaj landaj asocioj: Vjetnama Esperanto-Asocio kaj Esperanto-Federacio de Bharato. Kiel aliĝintan fakan asocion la komitato akceptis ankaŭ la filatelistojn, kaj estis subskribitaj kunlaboraj kontraktoj kun kvar fakaj organizaĵoj, inter ili la handikapuloj. La komitatanoj detale pritraktis kaj akceptis la estraran raporton, la financajn dokumentojn kaj la buĝeton. Finfine la komitato akceptis la kongresan rezolucion pri nova monda lingvo ordo.

La faka kaj scienca forumo estis nova programero en la kadro de UEA-kongreso, kaj la faka giĉeto estis ankaŭ nova servo. Laŭ mia opinio la faka forumo estas utila programo por la fakaj asocioj, sed en Prago la tempo por forumo estis ege mallonga kaj la salono tre malgranda.

Dum la kongreso okazis multaj fakaj kunvenoj, inter ili ankaŭ la fervojista kontaktkunveno. La 23an de julio okazis la tradicia kunveno kun la partopreno de 87 gekolegoj el 19 landoj. La kunvenon prezidis István Gulyás, vicprezidanto de IFEF, kiu raportis pri la 48a IFEF-kongreso okazinta en Hago. La partoprenantoj aŭskultis tri fakajn prelegojn pri aktualaj fervojaj temoj: J. Giessner: *Transrapid kaj aliaj aktualaĵoj*; Magdaléna Feifičová: *Fervojaj koridoroj en Slovaka Respubliko;* Jindřich Tomíšek : *Ĉeĥa Respubliko kaj eŭropaj grandrapidaj fervojoj*. (En posta numero IF resumos la prelegojn). Ĉiuj prelegoj estis vere interesaj kaj valoraj, kiuj bezonis grandajn preparlaborojn kaj studadojn. Poste okazis diskuto pri la fervojista Esperanto-movado, kaj kelkaj anoncoj. Post la kunveno eta grupo de ĉeestantoj komune veturis al la Eksperimenta Instituto de Ĉeĥa Fervojo en Cerhenice, kie oni prezentis la provekzamenojn de la fervojaj kaj urbaj trafikiloj.

Ni fervojistoj tre ĝojis, ke UEA kaj LKK nomumis unu el la kongresaj salonoj pri d-ro Bácskai.

La kulturaj programoj, la solenaj akceptoj kaj bankedoj, la kolora tumulto de la internacia balo donis neforgeseblajn travivaĵojn al la partoprenantoj. La belartaj konkursoj, la multkoloraj ekspozicioj kun freŝaj kaj originalaj pentraĵoj ege plaĉis al la kongresanoj.

Dum la kongresa semajno okazis multe da ekskursoj kaj en Prago kaj en la belega provinco, kiu donis al ni belegajn memoraĵojn.

Ĝis revido en 1997 en Aŭstralio en la urbo Adelajdo dum la 82a UK.

István Gulyás

**INTERNACIA FERVOJISTO**
1996.5
48a eldonjaro

Dumonata fervojfaka revuo en Esperanto kaj organo de Internacia Fervojista Esperanto-Federacio.

**Redakcio:**
Erna Hauge,
Banegårdspladsen 14,
DK-9700 Brønderslev.
Tel + fakso +45 98 80 15 99.

**INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO**

**Sekretario:**
D-ro Romano Bolognesi,
Via Misa 4,
I-40139 Bologna.

**Kasisto:**
Henning Hauge,
Banegårdspladsen 14,
DK-9700 Brønderslev.
Tel + fakso 45 98 80 15 99.
**Dana poŝtĉekkonto:**
1 25 80 36, IFEF,
Banegårdspladsen 14,
DK-9700 Brønderslev
(pagante per poŝtĉekkonto el eksterlando aldonu 15 DKK por poŝtelspezoj).

**Dana bankkonto:**
3717 034856, Den Danske Bank, DK-9800 Hjørring
(pagante per bankkonto aldonu 25 DKK por bankelspezoj).

**Svisa bankkonto:**
471-02, Thurgauische Kantonalbank,
CH 8590 Romanshorn.

**Svisa poŝtĉekkonto:**
CH 85-4110-5
Frauenfeld, IFEF,
Banegårdspladsen 14,
DK-9700 Brønderslev.

**Redaktofino** por la venonta IF, kiu aperos fine de oktobro: 15.10.1996.

Presejo:
Gefion Tryk Næstved A/S



Honora prezidanto de IFEF Joachim Giessner prelegos en la fervojista kontaktkunveno dum la 81a UK. Sidante aŭskultas vicprezidanto István Gulyás.

## 75jariĝon



La plej nova Honora Membro de IFEF, Wilhelm Barnickel, festas la 2an de septembro sian 75jaran naskiĝtagon.

IFEF kore gratulas.

## Senti kiel la tero turniĝas



Por senti kiel la tero turniĝas
vi bezonas:
vin mem, herbejon, tagmezon,
sunon kaj solecon.

Kuŝigu vin sur la herbejon,
surventre aŭ sur la dorso,
tutegale, kiel plaĉas al vi.

Se vi estas sufiĉe kvieta
kaj la herbejo, la tagmezo
kaj la suno bone elektitaj,
vi sentos post iom da tempo,
kiel la tero turniĝas.

Ĝi turniĝas ĉirkaŭ la suno
kaj ĉirkaŭ sin mem
en precize ĝusta rapido;
eĉ relative malrapide.

Kiam vi sufiĉe sentis tion,
iru fidoplene hejmen
kun la konvinko:
Ne kaŭzas afliktiĝi.

Hg